# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 7/09/2012 Sepdektria Eldono 2012 9/09/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

vidu **Tamen Plu** de Bob Felby

## KLUBNOVAĴO

"Ĉe la Melburna Esperanto Klubo ni adiaŭis nian membron, Richard Marcus kiu reveturos al sia hejmo en Irlando. Li mankos al nia grupo pro sia afableco kaj entuziasmo pri Esperanto.

Ankaŭ en la foto estas J Marcus Schmidt, aŭstralia instruisto kaj aŭtoro kiu nun loĝas en Japanujo. Li vizitis Melburnon por lanĉi unu el siaj libroj en la "Melbourne Writers Festival".



En la foto: J Marcus Schmidt, Ken Rolls, Marcel Leereveld kaj Richard Marcus.

sendis Heather Heldzingen




http://redroom.com/member/j-marc-schmidt/blog/egg-story-in-esperanto

# La listo de Esperantaj Blogoj

Listo de Esperantaj blogoj kolektitaj de Blanka Meduzo.

Jen listo de pli ol 2300 Esperanto-blogoj. sendas Nicole Else

http://www.eonet.ne.jp/~skrg/esperantajblogoj.html

# ANDROIDAJ POŜTELEFONOJ




## Esperanto iĝos integra parto de Android-telefonoj

La klavaro laŭplane estos integra parto de la versio 4.2 de Android, aperonta komence de la jaro 2013. http://www.liberafolio.org/2012/esperanto-igos-integra-parto-de-android-telefonoj sendas Nicole

Eta eltiro sube



***Jacob Nordfalk:*** Pro la samaj kialoj kiel Microsoft neniam faris Esperantan klavaron por Windows. Windows estas la posedaĵo de Microsoft. Microsoft ne akceptas eksterajn kontribuojn kaj ĝenerale agnoskas nur tiajn proponojn kiuj donas pli da enspezo al la firmao. Same pri iPhone kaj Apple. Male, Android kiel komuna posedaĵo devas esti kaj resti malferma al eksteraj kontribuoj. Kvankam mia diskutado kun la inĝenieroj de Google estis longa kaj la postuloj al la kvalito de mia kontribuo estis altaj (entute necesis 8 kodŝanĝproponoj kaj 8 monatoj por la kontribuo - vidu la diskuton) la tempouzo por ili estis multe pli malgranda ol se ili devus mem krei Esperantan klavaron

libera folio
SENDEPENDA MOVADA BULTENO

http://www.liberafolio.org

## MOJOSECO KAJ ĜIA HISTORIO (Cool? oops Mojosa?)

En ĉiutaga konversacio mi ofte uzas la radikon: mojos(a) sed mojosa ne estas universale konata, ĉar ĝi estas vorto, kiu naskiĝis en la junaj rondoj kaj poste disvastiĝis per la interreto. Eble vi aŭdis ĝin, eble ne… tamen ĝia uzantaro kreskas pli kaj pli ĉiutage, kaj ankaŭ ĝiaj oponantoj kreskas pli kaj pli. Do, kio estas mojos(eco)? Mojosa estas vorto kreita en novembro 2003 en TEJK-seminario ĉe Hungario. La iniciatintoj estis Gregor Hinker (eksa prezidanto de TEJO), Felix Zesch (eksa prezidanto de Germana Junularo), kaj Carl Mäsak (Vicprezidanto de Svisa Junularo). Do, kion ĝi montras kaj signifas? Mojos(a) estas mallongigaĵo de tri oficialaj Esperantaj vortoj: moderna - juna – stilo. Mojosa estas uzata de la juna Esperantistaro kiel anstataŭiga vorto por la angla: cool. Multaj pli aĝaj Esperantistoj precipe oponas tiun kreaĵon pro multaj kialoj. Iuj ĉar la vorto povas esti kreita per Esperantaj kunmetaĵoj. Ekzemple: moderna, bonega, tamen la debato vere rotacias ĉirkaŭ, ĉu la kreado de novaj vortoj kun pli detalaj internaj signifoj estas bona aŭ malbona afero por Esperanto, kaj ĝia rolo kiel la internacia lingvo. Por mi la debato estas simpla, se vorto estas sufiĉe uzata de la komunumo, tiam ĝi fariĝu Esperanta vorto kun tiu senco. Fakte ekde la eldono de la unua libro, Esperanto rapide kreskis kaj evoluis, sed la kerno de la lingvo ne ŝanĝiĝas. Ĉar ni ĉiuj kiel Esperantistoj volonte akceptas novajn vortojn (laŭguste) por plibeligi nian lingvon, tamen ni neniam akceptus reformojn pro la interna fajro, kiun ni havas por la daŭrado de nia kara lingvo. Mi bonvenigas viajn komentojn pri tiu ĉi temo.



Mojosa!



- Riĉardo el Sidnejo

Por pli detala informo pri la vorto mojos(a) iru rekte al http://eo.wikipedia.org/wiki/Mojosa

## Uzu lingvohelpilon de Lernu kontroli vian tekston

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/ Ĝi uzas x-cxapelojn

Se vi ne povas uzi la Esperantajn literojn, uzu la x metodon kaj mi ŝanĝos al la Esperantaj literoj por la novaĵletero Roger Springer



## SBS RADIO ĵUS TELEFONIS AL JUNA ĈEĤA ESPERANTISTO.

Marek Blahus skribis:

La ĉeĥa elsendo de SBS ĵus telefone intervjuis min pri la reta kurso de la slovaka lingvo www.slovake.eu, kies ĉeĥan tradukon mi en la laborejo pretigis. Pro granda simileco de la du lingvoj estas ia raraĵo fari tian kurson, sed ŝajne tio ekfariĝas necesa (Ĉeĥoslovakio disiĝis jam antaŭ 20 jaroj kaj junuloj ĉesas kompreni unu la alian). La retan kurson mem, cetere aranĝis esperantistoj (E@I), kaj mi ankaŭ povis nomi esperanton inter la ok lingvoj per kiuj eblas tie nun la slovakan lerni. Ĉu SBS estas renoma stacio en Aŭstralio? Ja tion ĉi aŭskultos nur la loka ĉeĥa komunumo, sed tamen atingi la "antipodojn" per si mem sonas sufiĉe mojose ĉi tie.

Agrable konatiĝi kun tiu ŝajne sufiĉe bone ŝtate vivigata multlingveco en Aŭstralio (kvankam la redaktorino plendis, ke multaj ĉeĥoj en popolnombrado indikas ke ili hejme parolas angle, pro kio la ĉeĥa elsendo sekve suferas).

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

**Ivan Heldzingen kaj Antono Gaskell ambaŭ bezonis malsanulejajn traktadojn kontraŭ siaj reaktivaj kanceroj**

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## GRAVAJ EVENTOJ

**informis Max Wearing**

La AEA Jarkongreso okazos en Brisbano 28a de septembro ĝis 1a de oktobro, 2012.

Ĉu Speciala Reunuiĝa Kongreso de AEA okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 11 ĝis 13 januaro, 2013?

Ĉu AEA-Somerkursaro okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 14 ĝis 28 januaro, 2013?




Ĉu la Vintro-Evento de Gordon Coleman en Adelajdo kaj apuda Sheidow Pk Ŝtat-lernejo okazos ekde 7 ĝis 10 junio 2013 (dum la Adelaide Cabaret Festival)?

AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**

# DO WE NEED AN ENGLISH SECTION IN THE NEWSLETTER?




sendas
Bob Felby



